BULTENO
de la Internacia Federacio Esperantista Fervojista
Sekretariejo: Orteliusstraat 108/III, Amsterdam, Nederlando
Redaktejo: von Liebigweg 26, Amsterdam,
JARO 7, NO. 4
MARTO 1955

## ZURICH - SAARLANDO

En sennombraj kunvenoj oni rekomendis pli grandan unuecon inter la popoloj; gazetoj kaj radio daŭre pritraktas la temojn *Mondfederalismo* kaj *Europa Unuiĝo*. Ĉiam pli altruda estas la deziro al pli granda unueco. Ĉiam pli akcente oni avertas, ke la vojo de la nacia egoismo kondukas al ĥaoso kaj pereo.

Ĉar la ekonomia unuiĝo de la Eŭropaj Ŝtatoj havas konsekvencojn, ankaŭ por la sindikatoj, la unuiĝo de la demokrat-tendencaj sindikatoj en Nederlando (NVV) larĝe priparolis ĉi tiun temon en eksterordinara kongreso, la 1an kaj 2an de oktobro 1954.
En ĉi tiu kongreso esprimiĝis la opinio, ke la idealo pri internacia kunlaboro estas survoje al efektiviĝo.
En ampleksa rezolucio la kongreso esprimis la opinion, ke la Eŭropa Unuiĝo nepre efektiviĝu, por ke Eŭropo povu plenumi en la mondo sian taskon koncerne demokration, sekurecon kaj prosperon.
La rezolucio akcente avertas kontraŭ la danĝeroj de konservatismo kaj naciismo, kiuj ĉiam pli minacas la konkordon en Eŭropo.

Ĝuste tiun averton ni povas plene substreki, kiam ni pensas pri la lingvoproblemo, kiu ankoraŭ baras la vojon al serioza unuiĝo de diverslingvaj ŝtatoj. Tamen en la multaj paroladoj pri unuiĝo oni simple neglektas la fakton, ke en okcidenta Eŭropo paroliĝas proksimume dek lingvoj.

Kelkaj nacioj, ĝuste pro konservatismo kaj naciismo faris grandajn elspezojn por simpligi sian lingvon, kun la espero, ke simpligita ĝi pli facile trovos akcepton kiel komuna lingvo.

Evidente kun la celo akiri per la lingvo ian superregan pozicion la Brita registaro aĉetis por 23000 funtoj sterlingaj la eldonrajton de la projekto *Basic English*, iu simpligita angla lingvo enhavanta proksimume 850 vortojn.

Kvankam ĉiu serioza anglo hontus paroli tiun lingvon, la Franca registaro ŝajne tiom timis la konkurencon, ke la ministro por Edukado

en Francio disponigis 3½ milionojn da frankoj por la kompilado de iu simpligita franca lingvo.

Tiel retroviĝis la ekvilibro inter franca kaj angla lingvoj, sed denove prezentiĝis la malnova problemo: kiu lingvo pleje taŭgas kiel komuna lingvo en rilatoj interŝtataj?

Tute konvena por ambaŭ landoj, franca sinjoro Jean Marie Bresand proponis dulingvan sistemon (angla-franca) kiel definitivan solvon de la lingvoproblemo.

Dum du plenaj jaroj oni faris grandajn klopodojn por popularigi tiun ideon; amaso da artikoloj aperis en - precipe francaj - gazetoj kaj revuoj; ĉiu ŝtato-membro de la Eŭropa Konsilantaro estis konsultita. Kun la nobla celo doni al la homaro iun komunan interkomprenilon, la propono rekomendis la lernadon de ambaŭ lingvoj en la elementaj lernejoj. Por germanoj kaj italoj oni bele orumis tiun amaran pilolon, asertante ke la lernado de angla kaj franca lingvoj en la elementa lernejo poste plifaciligas la studon de germana kaj itala lingvoj en la altgradaj lernejoj.

Kiel simpla konsekvenco de tiu rezonado venis la propono, ke la facile lerneblaj germana kaj itala lingvoj havu la saman pozicion kiel la franca kaj la angla.

Timigita per tiu lerta rebato, kiu tute fuŝis la originalan dulingvan sistemon, la proponintoj retiris sian projekton en sept.o 1952. Tamen baldaŭ - en majo 1953 - venis nova propono kunmetita multe pli diplomate. La *Komitato pri Kulturaj kaj Sciencaj Demandoj* rekomendis ĝin per aprobo al la *Konsulta Asambleo de *l Konsilo de Eŭropo*.
Tie en la kunvenoj de la Eŭropa Kunsulta Asambleo en Strasburgo okazis gravaj diskutoj kun la rezulto ke 21 delegitoj voĉdonis por kaj 31 kontraŭ la proponita dulingva sistemo. Per tio la projekto denove ricevis fortan baton, parte dank'al la kampanjo kontraŭ la angla-franca dulingva sistemo, kiun gvidis D-ro Wilhelm Hermann, la prezidanto de la Germana Esperanto-Asocio.

Provizore la danĝero pri la angla-franca dulingvismo do fortrudiĝis. Ĉiu esperantisto ĝojas pro tio, kiel ankaŭ pro la bela rezultato kiun atingis la ĉefa batalanto por nia afero, D-ro Lapenna, en la oka ĝenerala kunveno de Unesko en Montevideo.

Sed tio ankoraŭ ne signifas ke ni povas ripozi. La deziro al enkonduko de franca-angla lingvosistemo ne jam mortis. La danĝero, kiu minacas speciale Sarlandon povos en konvena okazo reaperi.

Tial ni volonte akceptis la inviton, okazigi post Zurich ian konferencon en Sarlando, kiu donas al ni trafan okazon praktiki Esperanton antaŭ ne-esperantista publiko, kaj montri al la ne-esperantistaj instancoj de sindikato kaj fervojo, ke Esperanto estas plenvalora interkomprenilo inter la uzantoj de eĉ plej diversaj lingvoj.

Por atingi tiun celon estas necese:

1. ke ĉiu partoprenanto al tiu konferenco parolu Esperanton,
2. ke la nombro de nacioj (lingvoj) estu plej eble granda,
3. ke el ĉiu lando minimume unu parolanto lekciu pri la temo menciita

en Bulteno n-ro 2, aŭ pri alia temo.
*La landaj estraroj ne forgesu aranĝi tiun aferon.*

Al Sarlando oni do ne trenu ĉiujn komencantojn, ĉar tio povos malutili al la celo de la konferenco. Kelkaj reprezentantoj el ĉiu nacio sufiĉas por plene sukcesigi ĝin.

Kontraŭe en Zurich ni devas imponi per la kvanto. Tiu kongreso, kiun la organizantoj tiom entuziasme antaŭpreparis estu grandioza propagando por nia afero. Nur plej granda nombro da partoprenantoj povas konvinki la oficialajn instancojn en Svisio - ĉu fervojaj, ĉu landaj, ĉu urbaj - ke nia afero vivas. Tial ni apelacias al la anoj el la landoj, majbaraj al Sarlando, ne neglekti la gravecon de nia sepa kongreso en Zurich.

de Jong.

## JARRAPORTO DE LA SEKRETARIO PRI LA JARO 1954a

Agrabla estas la tasko kiam sekretario povas prezenti al la membraro jarraporton, kiu klare montras progresojn pro la pligrandiĝanta interna forto. La progresoj en la pasinta jaro tamen ne blindigu nin, pro kio ni ne plu vidus la mankojn, kiuj sendube estas en nia organizaĵo kaj kiuj pli malpli bremsas la antaŭeniradon al pli sukcesplenaj rezultatoj. Estus facile per ciferoj en tiu ĉi jarraporto nur prezenti al vi la progresojn sed ciferoj ne estas la nura mezurilo, sed ni ankaŭ kritike pririgardu aliajn flankojn. Ni estu kontentaj sed krome ekstreme singardaj koncerne la ciferojn en tiu ĉi jarraporto por ke oni ne prenu eraran konkludon pri la esperiga evoluado en IFEF. La jarraporto donas ĝenerale koncizan superrigardon pri la farita laboro, mencias la progresojn aŭ regresojn sed ĝi ankaŭ estu stimulo por ĉiuj al novaj iniciatoj por rikolti la abundajn fruktojn, kiujn nia fekunda fakterено povus liveri al ni.

La mondsituacio ne estas ankorau ideala por nia propagando kaj la reciproka fido estas same malproksima kiel en la antaŭa jaro. La eksperimentoj per la A(tom)- kaj H(idropolvo)-bomboj ne estas la plej ĝojigaj pruvoj de baldaŭa mondpaco. La terura efiko de la radio-aktiveco trafis multajn senkulpajn viktimojn kaj sama sorto povus trafi la homojn kie ajn sur nia planedo. La uzado de tiaj eksplodigiloj signifus radikalan ekstermadon de la homa civilizio.

Ĉia klopodo por krei reciprokan fidon kaj amikecajn interrilatojn inter la popoloj, estu nuntempe bonvena. Ke la prudento anstataŭ la armiloj triumfu!

Mi do nun klopodu kiom eble plej ekzakte informi vin pri la farita laboro kaj la atingitaj rezultatoj en 1954a.

**LA MEMBRONOMBRO:**

En 1954 aliĝis al IFEF du novaj landaj sekcioj, Sarlando kaj Hispanio, pro kio la nombro da landaj sekcioj nun estas 15. Ambaŭ novajn

sekciojn ni ĉiloke kore bonvenigas en IFEF. Same kiel en la antaŭaj jaroj la IFEF-estraro faris ĉion eblan por interkontaktiĝi kun kolegoj en landoj ne ankoraŭ aliĝintaj al IFEF. Por tio tri ĉefestraranoj vojaĝis al Hispanio por partopreni la Nacian Hispanan kongreson en Zaragoza. La longa vojaĝo ne estis vana kaj ni havis la plezuron ĉeesti la fondiĝon de HEFA kaj persone interkonatiĝi kun niaj hispanaj kolegoj. En Usono aliĝis du izolaj membroj sed bedaŭrinde en Rumanio kaj Alĝerio la nuraj izolaj membroj ne plu donis vivsignon kaj estas forstrekitaj el la membrolisto. Pro tio la membronombro nun estas jena (inter krampoj estas la nombroj en la jaro 1953a).
NEDERLANDO: 227 (225), FRANCIO: 330 (287), DANLANDO: 93 (93), AŬSTRIO: 92 (96), SVISLANDO: 45 (31), NORVEGIO: 50 (41), SVEDIO: 77 (50) GERMANIO: 460 (275), AŬSTRALIO: 17 (15), ITALIO: 83 (70), FINLANDO: 55 (52), BRITIO: 34 (36), BELGIO: 21 (29), SARLANDO: 16 (1), HISPANIO: 28 (2).

**IZOLAJ MEMBROJ:**

JAPANIO: 2 (2), ĈEĤOSLOVAKIO: 17 (19), ISRAELO: 1 (1), JUGOSLAVIO: 3. (1), ORIENT-GERMANIO: 7 (2), PORTUGALIO: 2 (0), USONO: 2 (0). MAROKO: 2 (0).
Komparo kun la raporto pri la antaŭa jaro 1953 montras al ni kreskon de la membronombro per 335 novaj anoj. La 1an de Januaro 1955 IFEF havis 1664 membrojn (1329 en 1953).

Kiel menciite, Hispanio kaj Sarlando aliĝis kiel landaj sekcioj, dum izolaj membroj aliĝis al IFEF el Usono, Maroko kaj Portugalio, tri novaj landoj, pro kio post forstreko de Rumanio kaj Alĝerio la nombro da aliĝintaj landoj nun estas 23.

Dank'al la oferemo kaj solidareco de kelkaj niaj membroj ni regule povis sendi BULTENON al adoptitaj gekolegoj en ĉeĥoslovakio, Israelo kaj Orient-Germanio. Imitindan ekzemplon donis la DEFA-grupo en Aarhus, kiu adoptis en 1954 5 kolegojn. Nome de la adoptitaj gekolegoj mi dankas ĉiujn, kiuj ebligis al ili aliĝi al IFEF kaj ricevi nian organon. Afable sed urĝe mi petas al ĉiuj membroj sendi al mi adresojn de kolegoj el landoj ne ankoraŭ al IFEF aliĝintaj ĉar mi nepre bezonas ilin por la elkonstruado de nia organizaĵo internacia. Dank'al tio mi povis interkontaktiĝi kun kolego en Sovetio kaj sendis post peto kelkajn Bultenojn kaj nian regularon. Pri la rezultato ne estas eble jam nun ion diri.

**LA ADMINISTRADO:**

Samgrade kun la pligrandiĝanta membronombro, plimultiĝis la administraciaj laboroj, kio tamen ne endanĝerigis glatan funkciadon. En la unuaj ok monatoj de 1954 mi povis dediĉi ĉiom da libera tempo al nia organizaĵo sed ankaŭ post la akcepto de nova funkcio ĉe la fervojoj en Aŭgusto 1954 ne okazis stagno.
En 1954 alvenis 409 leteroj, poŝtkartoj kaj presaĵoj kaj estas forsend-

itaj 240 leteroj kaj poŝtkartoj, krome 61 presaĵoj. Tiuj ĉi ciferoj donas klaran bildon pri la laboroj en la sekretariejo kaj ciuj skribintoj ricevis senescepte respondon, escepte tiuj, kiuj anoncissin kiel lokan reprezentanton. La membroregistrado en ĉiuj landoj laŭ sama sistemo en 1954 tute realiĝis. Legante pri la aliĝo de 335 novaj membroj, oni bone atentu, ke tiu nombro esence ne estas ekzakta ĉar pli ol 90 gekolegoj eksiĝis en 1954 pro kio ni enskribis ± 435 novajn membrojn. Pro nia duobla kartoteko ni devis skribi 870 novajn membrokartojn kaj fari saman nombron da ŝanĝoj en la membrolistoj, krome ni ricevis 120 adresŝanĝojn. Pro la interŝanĝado de BULTENO kun aliaj organoj, regule aperantaj en la mondo, mi kontribuis per sciigindaj komunikoj al la rubriko en nia BULTENO *EL LA GAZETARO*. Bedaŭrinde, pro spacmanko la Redaktoro ne ĉiam povis enpresigi ĉiujn komunikojn kaj poste ili ne plu estis aktualaj por esti publikigataj.

**LA ESTRARO:**

En la estraro ne okazis ŝanĝo kaj ĝi kunvenis regule, se eble, ĉiumonate. Pro deĵorcirkonstancoj tiuj kunvenoj okazu dimanĉe kaj la pritaktitaj temoj postulas pli kaj pli da tempo. Malgraŭ la opinioj ne ĉiam estis la samaj pri ia problemo, la kunvenoj okazis en amikeca sfero. Opinidiferencoj en estraro pri iuj aferoj ne bezonas kaŭzi timon en nia rondo sed ili ofte estas la sekvoj de progresemo al pli alta nivelo. La frutempa informo al landaj estraroj kaj al la membroj pere de nia Bulteno pri propono koncerne plialtigon de la kotizo en 1955 montriĝis esti la plej bona solvo, kiu samtempe egaligos la kotizon en la diversaj landoj.

Pro nesufiĉa vidkapablo la ĝenerala sekretario fine de Januaro estis pensiumita sed ricevis en Aŭgusto novan funkcion ĉe la fervojoj. Anstataŭe nun nia ĝenerala kasisto forlasis la fervojan servon en Decembro pro la atingo de la pensiraj.tan aĝon. Al nia kolego Biesheuvel ni deziras ankoraŭ longan sinsekvon da jaroj en plena saneco kune kun lia edzino. Krom kasisto nia amiko Biesheuvel ankaŭ ekspedadas la Bultenojn kaj tiuj, kiuj vidis de proksime tiun laboron, scias kiom akurate li plenumas siajn taskojn. Ke li povu fari tion por ni ankaŭ en la venontaj jaroj!

Kiel kutime la IFEF-estraro klopodis ankaŭ en 1954 reprezenti nian organizaĵon tie, kie tio estis necesa aŭ dezirinda. En Verona ĉeestis la kompleta estraro, en Haarlem la sekretario kaj redaktoro, kiuj lastaj kune kun la prezidanto partoprenis la Nacian Hispanan kongreson en Zaragoza. Pri la rezultato oni jam povis legi en nia Bulteno sed krome ni ĝuis la plezuron persone interkonatiĝi kun nia Portugala kolego, S-ro Silvian el Lisboa. Bedaŭrinde pro koincido de diversaj cirkonstancoj ni ne povis realigi ĉiujn tiurilatajn dezirojn sed faris tion, kio estis ebla.

**LA BULTENO:**

Aparta raporto aperos pri la Bulteno sed mi nur volas rimarkigi

ke nombro da paĝoj ankaŭ en 1954 estis 68, la eldonkvanto en 1954 certe estis proksimume 12000 ekzempleroj. Tio estis unu el la diskutpunktoj en la estraro ĉar la eldono de nia organo ensorbas grandparte la enspezojn. Iom mirigite, kelkaj kolegoj skribis al mi, ke la Septembra Numero estis nur kvarpaĝa sed kompare kun 1953 la nombro da paĝoj restis la sama. La ĉefestraro tre ĝojas pri la ĝenerala kontenteco rilate al la aspekto kaj enhavo de nia Bulteno sed la financa stato decidu pri pliampleksigo aŭ malampleksigo. Ke nia modesta organo estas volonte legata, pruvas la multaj petoj pri interŝanĝado de organoj, sed honoro estas por nia fervojista organizaĵo, ke la Redakcio de *Heroldo* akceptis peton pri interŝanĝado niaflanke pro kio ni dufoje monate ricevas la ampleksan organon, kies abonon ni varme rekomendas al niaj anoj.

Denove perdiĝis 3 paketoj da Bultenoj por Britio, Norvegio kaj Hispanio en 1954, al la viktimoj de la malakurateco de la poŝtadministracioj ni afable petas senkulpigi nin. La strangaj dekretoj malebligis al ni kunligi la Bultenojn laŭ nia deziro kaj la paketoj glitis dum la transportado el la kovriloj, kiujn oni sendis al la adresitoj sen Bultenoj. Persone mi protestis ĉe la poŝtadministracioj kaj finfine ricevis permeson meti la ŝnuron ĉirkaŭ la kovrilon.

**NIA 6a KONGRESO EN VERONA:**

Nia 6a kongreso en Verona estis tre sukcesplena kaj la nombro da partoprenintoj estis rekordo. La LKK meritas nian sinceran dankon pro la giganta laboro farita por sukcesigi nian ĉiujaran manifestacion. Ankaŭ el financa vidpunkto la 6a kongreso estis por IFEF sukcesplena ĉar la LKK donacis 5000 liroj al la tombolo kaj poste surprizis nin per donaco, konsistanta el 1000 folioj da skribpapero, 1000 kovertoj kaj 300 poŝtkartoj.
Pro tiu malavara gesto la ĉefestraro tutkore dankas la LKKon en Verona.
Pri la kongreso ni konservos la plej agrablajn memorojn kaj la kritikoj, kiuj poste aŭdiĝis, ne koncernis la LKK-anojn. Ni iris hejmen kun novaj spertoj, kiuj povas esti utilaj por la venontaj kongresoj.
La IFEF-estraro estis oficiale akceptita en la urbdomo de la urbestro, kaj ĝojas al ni, ke nia 6a IFEF-kongreso postlasis en Verona bonegan impreson. El la kongresaranĝoj la kabareda vespero estas neforgesebla, kaj ne estas kredeble, ke la aktoroj estis fervojistoj. Nome de ĉiuj kongresanoj mi ankoraufoje laŭdas kaj dankas la LKK-anojn kaj iliajn kunlaborintojn pro ĉio por ni farita.
Ni nun ĵetu rigardon en la estonton!

**ĜENERALA SUPERRIGARDO:**

Je la fino de la jaro IFEF perdis fidelan anon, J. Sterken el Heerlen (Nederlando), pro morto. Li estis malnova esperantisto, kiu ĉiam estis aktiva en la Esp-movado. Lia ekzemplo restos vivanta en nia memoro, ke li ripozu en paco.
Kvankam ĉijare mia raporto estas tre konciza, mi esperas, ke ĝi donu

al vi favoran impreson. Mia averto en la komenco de mia raporto estu por ĉiuj membroj signo al aktiveco. Por ĉiu membro estas tasko en nia movado kaj ofte persona iniciato de unuopulo povas konduki al gravaj sukcesoj. Apenaŭ pasis du semajnoj en la nova jaro, kiam alvenis 4 novaj aliĝoj el Hispanio, S-ro Harvey el Glasgow (Britio) surprizis nin per la sciigo, ke fervojista klubo en Glasgow estas fondita, kies anoj post nelonge aliĝos al BEAF kaj IFEF, en Melbourne (Aŭstralio) oni klopodas aranĝi kurson por fervojistoj (la unua en tiu kontinento), en Helsinki funkcias kurso kun 40 partoprenatoj kaj gvidata de instruisto, samideano Koivu. Entute la perspektivoj ne estas senesperigaj. Sen troaj penoj ni komune povas pligrandigi la membronombron en 1955 al 2000, se ĉiu ano prenu al sia koro mian averton.
Nia 7a kongreso en Zürich estu en la signo de plua elkonstruado kaj ĉiu lando raportu en la kongreso laŭ la propono de Svislando. Provizore estas ankoraŭ taskoj ne tute plenumitaj kaj ni ne prenu tro pezan ŝarĝon sur niajn ŝultrojn per novaj proponoj. La giganta laboro de nia Terminara Komitato kaj la aranĝado de vojaĝanta ekspozicio postulas unue nian plenan atenton kaj krome oni interŝanĝadu opiniojn pri la instruado de Esperanto al kolegoj, kaj pri la rilatoj kun Fervojaj instancoj. La jaro pasinta alportis al nia Esp-movado bonajn sukcesojn kaj la rezultato en Montevideo estas por ni ĉiuj ĝojiga. Malpli okulfrapa sukceso estas, ke nia kolego John. Robinson, oficisto ĉe la Baltimore-Ohio Fervojo, estas eknomita por la korespondado en Esperanto.
Kun neŝanceligebla fido ni povas rigardi al la estonto se ni ne subtaksu la farendan laboron. Venu multnombre al nia 7a kongreso en Zürich sed ne forgesu ankaŭ anonci vin al la postkongresa konferenco en Sarlando. La sukcesoj en ambaŭ landoj grave povos kontribui al floranta periodo por IFEF en la plej proksimaj jaroj.
Kun entuziasmo kaj duobligita forto antaŭen!

La ĝenerala sekretario.

## RAPORTO DE LA KASISTO PRI LA JARO 1954

Denove mi havas la honoron prezenti al la IFEF-anaro la jarraporton, nun pri la jaro 1954.

Pli kaj pli altiĝas la kostoj por la Bulteno kaj la administraciaj kostoj, car ju pli kreskas la anaro de nia Federacio, des pli grandiĝas la laboro por la estraro, kaj sekve de tio ankaŭ la kostoj. Sed ni nur povas ĝoji pri tio.

La profita saldo estas malpli ol en la jaro 1953. Kaŭzo de tio estas, ke mi en en jaro 1953 ne amortizis por la skribmaŝino, sed en la komenco de 1954 mi pagis 100 guldenojn kaj en la fino de la sama jaro 200 guldenojn. Nun la skribmaŝino estas propraĵo de la Federacio.

Bulteno ĉijare enhavis pli da paĝoj ol en la antaŭa jaro; pro tio la altiĝo de tiuj elspezoj.

Ankoraŭ la Federacio havas kvanton da glumarkoj, pli ol 13.000, kies valoro estas 105 guldenoj. Volonte ni vendos ilin. Ili belaspektas sur viaj korespondaĵoj.

Malgrandan plendon mi havas pri la pagenda kotizo; kelkaj el niaj rondoj ankoraŭ devas pagi la kotizon pri la jaro 1954;entute 313,13 guldenoj. Mi petas pagi kiel eble plej baldaŭ.
Oni povas pagi per Banko aŭ poŝtmandate aŭ ĝire al Amsterdam 13500 nome al B 8040, W.Biesheuvel, Ceramplein 30.I Amsterdam (Oost).

Pri la liberaj donacoj por la Bultenoj mi atentigas, ke ili estas necesaj, ĉar la elspezoj por la Bulteno estis pli altaj ol la enspezoj pere de la kotizo.

| Enspezoj | | Elspezoj | |
|---|---|---|---|
| Profita saldo 1953 ..... | 1044.50 | Preskostoj Bulteno ....... | 1135.40 |
| Kotizoj................ | 1115.45 | Poŝtmarkoj.............. | 111.54 |
| Donacoj Bulteno......... | 419.51 | Glumarkoj................ | 18.30 |
| Glumarkoj............. | 3.30 | Administraciaj kostoj..... | 53.96 |
| | | Kontorbezonaĵoj........... | 35.13 |
| | | Skribmaŝino............... | 300.00 |
| | | Kunlaboro S.A.T. ......... | 10.50 |
| | | Kunlaboro U.E.A. ......... | 10.50 |
| | | Kostoj estraro............ | 5.70 |
| | | Aliaj kostoj.............. | 7.95 |
| | | Saldo 1954................ | 893.78 |
| Entute ned. guldenoj: | 2582.76 | | 2582.76 |

La 19an de februaro ni kontrolis la kason de EFEF, kaj trovis ĉion en bona ordo. Ni dankas la kasiston pro lia multa laboro, kiun li akurate faris por nia movado.

La kaskontrolantoj

J.A.Vermaak
G.J.v.d.Heyden
L.Verhorst.

## RAPORTO DE LA REDAKTORO

Nia BULTENO, kiŭ ankau en ĉi tiu jaro regule aperis, trovis denove bonan akcepton ĉe la legantoj, grandparte dank'al la kunlaboro de la s-roj Roŝher kaj Rebiĉek, kiuj regule sendis al mi interesajn artikolojn teknikajn.

Multajn laŭdajn vortojn ni ricevis pri la redaktado kaj enhavo de nia ankoraŭ tro modesta organo. Ankaŭ plendojn ni tamen volonte akceptas, se ili estas akompanataj de bone verkita artikolo.

Ĝenerale niaj anoj tro malmulte kunlaboras por fari Bulteno-n interesa kaj varia. Speciale la nederlandanoj obstine persistas en sia inerteco: neniam ensendi ion ajn, kvankam *Nieuw Spoor* regule enhavas interesajn kaj tradukindajn artikolojn.

En multaj aliaj landoj ankaŭ aperas fakgazetoj kun enhavo sendu-

be tre interesa, precipe por eksterlandanoj. Se la landaj estraroj povus komisii al du au tri el la plej kapablaj anoj, ke ili nur unufoje en la jaro verku au traduku ian interesan artikolon por nia organo, tiam gi sendube multe progresus.

Por kontentigi la sparemon de nia kasisto, mi rigore limigis la nombron da pagoj de la septembra numero. Tio kauzis kelkajn plendojn, kvankam malgrau tio, la nombro da pagoj eldonita en la pasinta jaro sajnas al mi kontentiga. Mi tamen esperas, ke en la venonta jaro la kunlaboro kaj nia financa stato denove kondukos al grava plibonigo de Bulteno. Komencante per la januara numero, ni ornamis Bulteno-n per nova titolbildo, kiu sajnis al mi pli bela; nun mi scias ke ne ciuj havas tiun saman opinion.

Ankau en ci tiu jaro la konfliktkomitato ne aktivis; nenian artikolon mi rifuzis, kio per si mem estas laudo al la verkintoj, kiujn mi afable dankas pro tio kion ili bonvolis sendi por Bulteno.

Dankon miritas ankau kolego Hoen pro la granda preteco kun kiu li ciam plenumis la ampleksan kopiadon de la presotajo.
Pro lia laboro la preskotoj grave reduktigas.
Cetere niaj anoj mem jugu pri nia organo. Kritikon, kiu povas konduki al gia plibonigo mi volonte akceptos dum nia kunesto en Zurich.

de Jong.

## SAARLANDO

### KOMUNIKOJ PRI LA POSTKONGRESA KONFERENCO

**Postkongresaj aliĝontoj - - - atentu!**

Jen la landoj, kiuj ne bezonas vizon por envojaĝi Sarlandon:
Aŭstrio, Belgio, Britio, Danlando, Finnlando, Francio, Germanio, Grekio Italio, Luksemburgo, Nederlando, Norvegio, Irlando kaj Islando.

Aliaj aliĝontoj devas prizorgi vizon ĉe la franca kosulejo en sia hejmlando. En eksterordinaraj okazoj ankaŭ estas eble envojaĝi laŭ aparta permeso. Tiuj ĉi personoj bonvolu frutempe kontaktiĝi kun mi.

**Pensiuloj - - - atentu!**

Nia direkcio ankaŭ disdonos senpagajn biletojn al pensiuloj, sed nur al tiuj, kiuj partoprenis la kongreson en Zurich.

**Parolontoj - - -** bonvolu sendi plej eble baldaŭ la parolalekston!

**Gekolegoj ---** partoprenu multnombre, por ke nia konferenco ankaŭ estu impresa aranĝo. Atendante vian aliĝilon, mi salutas amike

Oskar Höh.

## NIA KONGRESO
## EN ZURICH

**Informilo no.3.**

**G R A V A J   T R A N S P O R T - F A V O R O J**

Je nia granda plezuro la Ĝenerala Direkcio de SBB plenumis la maksimumon de niaj proponoj kaj esperoj kaj ofertas al niaj kongresanoj la jenajn, por niaj cirkonstancoj eksterordinarajn favorojn:

**A. Landlimo - Zurich kaj returne:**

1. Aktivaj fervojistoj laŭ internacia konvencio.
2. Familianoj de aktivaj fervojistoj; pensiuloj kaj ties familianoj; aktivaj fervojistoj de privataj fervojoj (inkluzive la kolegoj el Sarlando) duonan prezon por irvojo kaj reveturo.

Familianoj, kiuj ne rajtas je senpagaj biletoj ordinare; pensiuloj kaj ties familianoj kaj fervojistoj de privataj fervojoj mendu la bileto-legitimilon rekte ĉe LKK ĝis 31-a de marto 1955.

**B. Postkongresa vojaĝo Zurich-Vevey-Les Pleiades:**

**Libera vojaĝo por ĉiuj partoprenantoj!!!!**

Mendo de bileto por tiu vojaĝo ne estas necesa.
La postulita sumo de fr.5 entenas la veturprezon por la monto-fervojo, kiu estas privata entrepreno.
Ni ĝuos veturadon en speciala vagonaro, nova vagon-materialo, rapidegtrajno eble eĉ kun laŭtparolilo-instalaĵo.
Karaj gekolegoj, tiaj grandaj favoroj certe ankaŭ vin decidigas al tuja aliĝo por nia manifestacio.

**Kongreskotizo.** Dank' al subvencioj de urbo Zurich, SBB kaj fervojista sindikato, ni povas rezigni je plialtigita kongreskotizo ek de februaro kaj pro tio la kongreskotizo **restas fr. 15 - ĝis fino de la aliĝperiodo.**
Kiel antaŭaj LKK ankaŭ la Zuricha fakturas al pensiuloj nur la ½ kotizon.

**Folklora vespero.** Origine ni antaŭvidis ĝin por la lasta vespero, sed pro la necesa frua elitiĝo la postan matenon, pro la postkongresa vojaĝo kaj pro supozoj, ke nia plej alloga programero povos etendiĝi ĝis postnoktmezo, ni antaŭŝovis ĝin je unu tago al merkredo. Ni kredas, ke tio estas en la intereso ĉefe de la malpli junaj kongresanoj.

**Tombolo.** Donacojn alportotajn vi bonvolu ek de dimanĉvespere transdoni al LKK en la kongresa halo, ĉe la giĉeto, dekstre.
La vendado de la lotoj kaj disdono de la premioj okazos marde kaj merkrede vespere.

Atingis LKK ĝis meze de februaro pli ol 100 aliĝoj kaj ni povas kalkuli kun 400 ĝis 500 partoprenontoj. Granda nombro da kongresanoj efikas je nia registaro, je nia SBB, je la urbaj aŭtoritatoj.
Partoprenos por la unua fojo Hispanoj IFEF-kongreson.
Al la Direkcioj de la Ŝtataj Fervojoj en Ĉeĥoslovakujo, Polujo, Hungarujo, Rumanujo kaj Bulgarujo ni sendis inviton delegacii personaran grupon.

# KONGRESA PROGRAMO

**Ĉiuj aranĝoj okazos en nia kongresejo *Limmathaus*, Limmatstrasse 118.**

**Dimanĉo - 8-a de majo:**

Akceptejo en la ĉefstacidomo malfermita laŭ indiko en la kongreslibro.

20.00 Interkonatiĝa Vespero (granda salono).

**Lundo - 9-a de majo:**

9.00 Kunsido de estraro kaj delegitaro de IFEF )blua ĉambro).
10.00 Faka ekskurso al centra komandejo Zurich HB
14.00 Faka ekskurso al SBB-Centra riparejo Zurich-Altstetten
16.30 Terminara Komitato (blua ĉambro)
20.00 SOLENA MALFERMO de la kongreso (granda salono)

**Mardo - 10-a de majo:**

9.00 Unua laborkunsido de IFEF (malgranda salono)
9.00 Ekskurso por virinoj al kooperativa bakejo
14.00 Komuna fotografiĝo, apud Nacia Muzeo
14.30 Fakaj prelegoj (malgranda salono)
20.00 Film-vespero pri Svislando (granda salono)

**Merkredo - 11-a de majo:**

9.00 Dua laborkunsido de IFEF (malgranda salono)
9.00 Ekskurso por virinoj al granda magazeno
14.00 Ŝipekskurso sur la Lago de Zurich
19.45 FOLKLORA VESPERO

**Ĵaŭdo - 12-a de majo:**

9.00 Tria laborkunsido de IFEF (malgranda salono)
9.00 Ekskurso por virinoj
9.30 Faka ekskurso al maŝinfabriko Oerlikon
10.30 Fakaj prelegoj (malgranda salono)
14.00 Rondveturado tra la urbo Zurich

**Vendredo - 13-a de majo:**

7.02 Postkongresa vojaĝo al la narcisaj kampoj de *Les Pleiades*, super Vevey, ĉe Lemana Lago kun speciala vagonaro. Programo trovebla en kongresa dokumentaro.

**KOMUNA MANĜADO:** - LKK kontraktis kun 4 SBB-kantinoj por favora manĝado, je modesta prezo. Pro la fakto, ke manĝos tie multe da fervojistoj, ni aranĝis nian manĝo-tempon jene: **Tagmanĝo 13.00 - Vespermanĝo 18.30.** Tiam ni trovos sufiĉe da loko. Pli precizaj informoj en la kongreslibro.

**KONGRESLIBRO:** Por bona, antaŭkongresa informiĝo, ni sendos ĝin al ĉiu kongresano dum aprilo. En via intereso studu programojn kaj informojn antaŭ alveno en Zurich. Enestas ankaŭ urbo-plano.

**PTT-DIREKCIO ZURICH:** Ĵus informis nin, ke ĝi povas plenumi niajn proponojn, nome: Unue - starigi la aŭtomobolan poŝtoficejon por nia kongreso ĉe Limmathaus; Due - okupi en tiu oficejo spertan esperantiston; Trie - Uzi specialan kongres-stampilon kun Esperanta teksto.

**LIMTEMPO POR ALIĜOJ:** LKK insistas je sia decido, ke post la 15-a de aprilo ĝi estas libera rifuzi aliĝojn. Plia malhelpo estas, ke trafikoficejo Zurich, kiu prizorgos la loĝadon en hoteloj, ne garantias loĝeblecon por aliĝontoj post tiu dato.

Bi-Wa-Sono-LKK.

## TAGORDO DE LA LABORKUNSIDOJ

1. Malfermo.
2. Salut- kaj ricevitaj leteroj.
3. Timarkigoj pri la raporto de la 6a IFEF-kongreso. (Vidu la raporton en Bulteno N-ro 6a de Julio 1954.)
4. Pritraktado de la jarraportoj, sekretario, kasisto, redaktoro kaj de la diversaj komitatoj.
5. Pritraktado de la nova kongres-regularo, sendita en Januara Bulteno al ĉiuj membroj.
6. Pritraktado de la proponoj.
7. Estrarelekto.
8. Elekto de kaskontrolkomitatano.
9. Elekto de konfliktkomitatanoj.
10. Elekto de kongresloko en 1956 kaj la provizora en 1957.
11. Libera diskutado.
12. Fermo de la laborkunsidoj.

**PROPONOJ:**

**Svislando:** La raportoj de la landaj delegitoj nepre enhavu la jenajn erojn.

a) rilatoj kun la Fervoja Administracio.
b) rilatoj kun la Fervojistaj Sindikatoj.
c) ,, ,, la ceteraj kulturaj unuiĝoj fervojistaj (artaj kaj intelektaj.)
d) ,, ,, la cetera Esperanto-movado.

**Komento:** Tiaj raportoj helpos al la sekcioj por ricevi novajn ideojn pri eblaj klopodoj.

**Komento de la ĉefestraro:** Sendube estas utile interŝanĝi spertojn koncerne la rilatojn kun la nomitaj instancoj. Por ke nia movado restu konstante kreskanta la plej urĝa punkto de pritraktado estu en la delegitara kunveno: *la aranĝado de kursoj kaj la spertoj koncerne la propagandon. Tiu punkto do aperu kiel unua en la nomita vico.

**2a) ĉefestraro:** La kongreso fiksu la kotizon de IFEF je 1/3 Dolaro jare por membroj aliĝintaj al landaj organizaĵoj de IFEF. Izolaj membroj pagu 5 internaciajn respondkuponojn jare aŭ ekvivalento. Por adoptitoj la jarkotizo restu 3 internaciaj respondkuponoj jare.

**Komento:** Pro la gravaj ŝanĝiĝoj en la poŝttarifoj depost 1948 la pagsistemo laŭ internaciaj respondkuponoj ne plu estas taŭga, pro kio unu lando pagas pli altan kotizon ol alia. Pro tio la Ĉefestraro deziras egaligi la kotizon por ĉiuj membroj. Por la adoptitoj la kotizo restu la sama por ke niaj gekolegoj, kiuj adoptis iun, povu daŭrigi la helpon.

**3a) propono Ĉefestraro Regularŝanĝo.**
En la regularo oni aldonu sub Art.12 novan art. 12.A, kiu tekstu:
*La landaj kasistoj pagu al IFEF kotizon laŭ la membromombro de la 1-a de januaro de la koncerna jaro.

Por novaj membroj, kiu aliĝas antaŭ la 1-a de julio, oni pagu la tut-jaran kotizon; por tiuj, kiuj aliĝas post tiu dato, oni pagu la duonon.*

## TAGORDO DE LA ESTRAR - KAJ DELEGITARA KUNVENO

1. Malfermo.
2. Raportoj de la landaj delegitoj pri la rilatoj kun la Fervoja Administracio, Fervojistaj Sindikatoj, ceteraj kulturaj unuiĝoj fervojistaj (artaj kaj intelektaj); la aranĝado de kursoj kaj la spertoj koncerne la propagandon.
3. Sugestoj kaj instigoj koncerne la vojaĝantan ekspozicion. Se eble S-ro De Bruyne raportos.
4. Eventualaj rimarkigoj pri la kongresproponoj.
5. Proponoj pri novaj punktoj por la laborkunsidoj.
6. Fermo.

## KUNVENO DE LA TERMINARA KOMITATO

1. Malfermo kaj elekto de prezidanto.
2. Raportoj de la landaj kunlaborantoj pri la faritaj laboroj.
3. Elekto de ĝenerala gvidanto.
4. Sugestoj.
5. Fermo.

NI SERĈAS
GVIDANTON POR
LA TERMINARA KOMITATO !
GRAVA POSTENO !
ALTA LA SALAJRO

tamen ne estis de s-ro Blondeaux, kiu, dum la tuta jaro senprofite laboranta en tiu funkcio , ĵus informis nin pri la nuna stato de la laboro.

La francoj prezentos en Zurich kajeron franca-esperantan, kiu enhavas 4700 terminojn el la franca-germana eldono de la I.T.F. kaj 600 terminojn el la franca-angla eldono.

Ili vendos la kajeron en Zurich. Prezo fr. fr.200, aŭ Sv.fr.2,5. Helpe de tiu kajero, kies manuskripton li ricevas iom post iom de post oktobro 1954, s-ro Simon kompilos - ĝis la 30a de septembro 1955 - la liston de la esperantaj esprimoj alfabete klasifitaj, kaj numerados la esprimojn kaj la paĝojn, laŭ la sistemo uzita de Wuster en lia verko: *Maŝinfaka-esperantovortaro*. La numerado estos komuna kaj ĝin uzos kiel referenc-numeradon ĉiuj landaj sekcioj. Ekzemploj pri tio troviĝas en la cirkulero, kiun s-ro Blondeaux sendis al ĉiuj komitatanoj.

La koncerna manuskripto migros tra Germanio, Britio kaj Francio, por ebligi kontrolon de la simboloj el la nacilingvaj listoj.
La aliaj landoj ricevos kopion de la manuskriptoj por kompili el ili sian propran kajeron.

En la 8a IFEF-kongreso ni tiel posedas jenajn kajerojn:

1 Franca - Esperantan )
2 Angla - Esperantan ) se eble laŭ la sistem Wuster.
3 Germana - Esperantan )
4. Eventualajn alilingvajn kajerojn.
5 Esperantan kajeron kun referenc-numerado kaj nacilingvaj simboloj.

Jen la projekto pri la unua tre grava etapo de la Terminara laboro. Krom tio la francoj kaj espereble ankaŭ la aliaj nacioj prezentos en Zurich la tradukon de la tri lastaj sekcioj de la Fervoja Terminaro el la jarlibro U.E.A. 1953.

Post kelka tempo aperos du gravaj verkoj:

1. *Scienca kaj Teknika Terminaro (STT) eldonota en Esp. de I.S.A.E.*
2. *Kvinlingva Leksikono de la Francaj Fervojoj (angla, franca, germana hispana, itala).

La francoj estas pretaj traduki en esperanton ankaŭ ĉi tiun ampleksan vortaron. Kompreneble ni alte taksas ilian laboremon, sed laboremo, kvankam nepre necesa, ne sufiĉas por sukcese plenumi la terminaran laboron. Unualoke la T.K urĝe bezonas ĝeneralan gvidanton, kompetentan por servi konsile kaj fare al la kunlaborantoj, kaj stimuli ilin per sia ekzakta gvidado kaj bona ekzemplo.

Se en nia kunveno en Zurich ne prezentas sin tiu ĝenerala gvidanto, tiam IFEF prefere rezignu je la tiom entuziasme al ĝi trudita tasko. Ni do esperas, ke la landaj estraroj kaj la entuziasmuloj en nia rondo, kiuj siatempe tiom energie decidis ke IFEF aperigu fervojan terminaron, nun sentas sin respondeca kun la ĉefestraro por la plenumado de la iam akceptita tasko.
La IFEF-estraranoj estas tro ŝarĝitaj por mem okupi sin pri terminaraj laboroj. En Zurich ni fine definitive decidu pri tiu afero.

de Jong.

## NIAJ KONGRESOJ

Tre estimataj samideanoj kaj kolegoj!

S-ro Zoratti kaj la ĉefestraro pritraktis en n-ro 6 de nia Bulteno la demandon, kiel malhelpi malagrablaĵojn dum niaj kongresoj.
Ni konsideru, ke nia movado ankoraŭ estas juna, kaj feliĉe konstante kreskas; pro tio kompreneble la plimulto de niaj anoj estas lernantoj, (same kiel mi). El tio rezultas, ke ili tentiĝas tro ofte paroli la propran lingvon. Sed ni ankoraŭ scias, ke kongresoj estas la plej bonaj lernejoj por komencantoj.
Tiuj menciitaj malagrablaĵoj kaj nekorektaĵoj estas la alia flanko de

nia prospero, kvazaŭ kreskaddoloroj. Pro tio ni estu teleremaj!
Kvankam tiaj malfacilaĵoj ne estas tute eviteblaj, ni tamen devas klopodi malpliigi ilin per konformaj agoj kaj konsiloj.
Al familianoj, kiuj ne scipovas paroli Esperanton, oni nek povas rifuzi la partoprenon, nek malpermesi la uzadon de ilia propra lingvo.
Grave estas fortimigi la profitemulojn (kvankam laŭ mi ilia nombro ne estas tiel granda kiel oni supozas), kaj tio devas esti atingebla.
Sed multe pli grave estas, ke Esperantistoj interparolante uzas nur nian lingvon; al tio ni eduku nin reciproke (ĉiu **respondu** nur esp-lingve).
**Jen miaj proponoj:**

1) Nur IFEF-anoj kaj iliaj familianoj rajtas partopreni kongreson.
2) La landaj estraroj wevere kontrolu la aliĝilojn.
3) La landaj estraroj enmanigu al ĉiuj partoprenontoj ne nur ĝeneralan *kongresregularon* (laŭ s-ro Walder), sed ankaŭ rekomendojn pri konduto en fremda lando, atentigante unuflanke pri ne-ŝatataj propraj kutimoj, aliflanke pri menciindaj kutimoj kaj moroj de la gastlando.
4) La LKK organizu ekskursojn, gvidadojn ktp por la ne-esperantistaj familianoj, almenaŭ LKK rekomendu ejon, kie ili agrable povas pasigi la tempon dum laborkunsidoj.
5) Malpermeso, ke ne-esperantistoj portu insignon, aŭ - ĉar ĝi ankaŭ estas propagandilo - oni kreu duan simplan insignon, signante la ne-esperantiston.
6) LKK indiku **unusence** en la aliĝilo, kio estas pagita **aŭ ne** per la kongreskotizo (komparu la miskomprenojn pri la vojaĝo al Venecio!)

Mi permesas al mi aldoni kelkajn liniojn pri alia afero:
La supre menciita artikolo de s-ro Zoratti iom ĉagrenis la germanajn esperantistajn fervojistojn pro la vortoj: *Nicht Esperanton, Dojĉ, Dojĉ!* Laŭŝajne ili spertis tro ofte, ke okaze de mallaŭdindaj aferoj oni ĉiam citas la germanojn, tiel en Parizo kiel en Utrecht kaj Verona.
Mi mem travivis tion en Verona, kiel dum laborkunsido de malsupren de pupitro iu, de mi vere ŝatata kaj estimata Esperantist(in)o (mi ne volas citi la nomon), mallaŭdis la oftan uzadon de la germana lingvo.
Sed ĝuste tiun personon mi plurfoje aŭdis - antaŭe kaj poste - nacilingve interparoladi kun samlandanoj-esperantistoj!
Kio estas la kaŭzo de tiu fakto? Al Verona venis el 14 landoj 556 partoprenantoj, inter kiuj 219 germanoj, do multe pli ol triono el unu lando. Pro tio estas kompreneble kaj neevitеble, ke multe pli ofte aŭdiĝis la germana lingvo ol iu alia, kaj konsiderante kreskadon kaj tempodaŭron de la ekzistado de IFEF: ju pli granda la nombro de la membroj des pli granda la nombro de la komencantoj.

Sed tio estas nur unu flanko de ĉi tiu afero, kaj ne la plej grava.
En la konscio aŭ subkonscio de la popoloj, kiuj estis viktimoj de la hitleraj kruelaĵoj, ankoraŭ vivas kaj suverenas antipatio (se ne malamo aŭ abomeno) kontraŭ ĉio, kio estas germana.
Pro tio estas kompreneble, ke se tie laŭtiĝas germanaj sonoj, tuj estas vekataj, konscie aŭ ne, tiaj sentimentoj antipatiaj kontraŭ tiu*fipopolo*, dume oni la aliajn lingvojn preteraŭdas: ne perceptas.

La samon validas koncerne la ĝeneralan konduton. La proprecojn aŭ malsaĝaĵojn de aliaj popoloj oni priridas aŭ pretervidas, la germanaj ofendas aŭ atakas la sentimenton. (Oni ne devus pretervidi aŭ forgesi ke ankaŭ multaj Germanoj, ne laste Esperantistoj, jam longe antaŭ la milito suferis kaj mortis sub la hitlera sistemo, dum eksterlandaj eminentuloj ankoraŭ premis la manojn de tiuj krimuloj).
Ni, germanoj ofte malagrable rimarkiĝas ankaŭ sole pro tio, ĉar ni ankoraŭ antaŭ kelkaj jaroj estis popolo, kiu fartis mizere malbona, kaj laŭŝajne nun vivas sub pli bonaj kondiĉoj ol la venkintoj.
Al tio venas ne ĉiam travidebla politika evoluo en nia lando, kiu estas forte diskutata en gazetoj ktp.

Laŭ mia opinio tio estas la kaŭzoj, ke ni vekas la ne ĉiam bonvolantan atenton en eksterlando.
Ĉion ĉi oni povas kompreni, sed ne aprobi - almenaŭ ne inter Esperantistoj! Ĝis nun mi havis la impreson, ke ni ĉiuj ankoraŭ estas iom tro naciecaj (mi ĝojus, se mi eraris).

Bonvolu atenti, ke mi per tiuj ĉi linioj volas nek plendi, nek akuzi. Mi nur deziras atentigi la estraron pri la resonado, kiu vekis supre menciitaj agoj, kaj peti laŭpove malebligi ĉion, kio povas malutili al nia movado. Tio, kio estas direnda tiucele al miaj gekolegoj, mi diros en nia l ropra Bulteno.

Samideane salutas
Daniel Jäger
Frankfurt (M) Germanio.

Kvan kamla verkinto de ĉi suba letero ne petis tion ŝajnas al mi juste aperigi ĉi tiun senemucian kaj objektivan respondon al la koncernaj artikoloj. Ni povas certigi al samideano Jäger ke *Bulteno* ne malfermas siajn paĝojn por atakoj al kiu ajn nacio. Ambaŭ artikoloj apelaciis al individuaj partoprenantoj laŭeble kun la bori por ke ne perdiĝu la bona ordo kaj la amika sfero kiu ĉiam distingis niajn kongresojn.

La redaktoro.

## IOM PRI SOVETAJ FERVOJOJ

Unu sesono de la mondo, sesono de la kontinentsurfaco, tiom granda estas la Sovetunio, kies antaŭmilitaj limoj estis 65.000 km longaj, dume la ekvatoro, la plej longa tergloba paralelo mezuras 40.070 km. Kaj post la pasinta milito la Sovetunio estiĝis ankoraŭ pli granda. Ĝia vasta etendo ŝarĝis la sovetan trafikon, ĉefe la fervojojn, per neimageblaj taskoj. Tutajn dek tagojn kaj dek noktojn estis necesaj por veturi de la okcidenta limo de USSR, por ke oni atingu Vladivostokon, kaj naŭ tagojn la Orienta Ekspreso fariĝas hejmo de pasaĝero, kiu entreprenas ĉi tiun vojaĝon ek de Moskva, por traveturi por ni nekutiman longon de 10.000 km da fervojlinio.

Antaŭ liaj okuloj ŝanĝiĝas la pejzaĝo, ŝanĝiĝas la homoj, stepo,

siberia praarbaro (tajgo), kampoj kaj arbaroj. Estas necese antaŭenturni la horloĝmontrilojn, por ke ilia indiko egalu la ĝustan zontempon. Kiam estas en Moskva la 10a antaŭtagmeze, kaj ĉe ni la mateno kun komenciĝanta laboro, la labortumulto en Vladivostok samtempe ĉesas, ĉar tie estas la 17-a posttagmeze.

Aŭ vojaĝu el Moskva al Alma-Ata, la ĉefurbo de Kazakstano; veturu de la fruktedona teritorio ĝis al la sablomaro kaj kameloj - la trajno flugas kaj la tempo flugas; tiu lasta pli rapide.

Centmiloj da vagonoj ruliĝas sur senfinaj serpentumoj da relstrioj; preskaŭ centmil estas ĉiutage ŝarĝataj.
Antaŭ la milito Sovetunio posedis pli ol 800.000 vagonojn, trenatajn de 25.000 lokomotivoj. ĉirkaŭ 600 milionaj tunoj da aĵoj estas per ili transportitaj jare, kaj oni kalkulas, ke 1.200 milionoj da pasaĝeroj.

La Sovetunio ne ŝparas je konstruado de sia fervojreto. Ne estas kompreneble konataj numeroj de la milita tempo, sed ekzemple en la jaro 1937 investis USSR en siajn fervojojn dum sole unu jaro sumon da kelkaj miliardoj da rubloj. Nur dum unu jaro! Dum tiu ĉi unu jaro estis konstruitaj 5.000 km da novaj linioj, 5.120 km da duaj trakoj, 1.730 km estis ekipitaj por elektro-ekspluato. Nun troviĝas en Sovetunio proksimume 98.000 km da fervojlinioj sur teritorio, kiu havis en la jaro 1915 sole 58.000 km, do proksimume tiom, kiom havas Germanio.

Ankaŭ per la fervojoj estis vekita la patriota milito de la soveta popolo. Kaj kompreneble USSR mem konsideras tiujn ĉi 98.000 km da siaj fervojlinioj malmulte rilate al siaj gigantaj spacoj.

Sovetio per senkompara rapida kresko rompas la lastajn malhelpojn de la pasinto kaj antaŭas la ceteran mondon.
Dum 20 jroj de sia ekzisto ĝi konstruis preskaŭ 28.000 km da novaj fervojoj, ne atentante tion, kion detruis la revolucio kaj kio devis esti anstataŭigita. La revolucio mem ja kaŭzis miliardajn domaĝojn.
Do tiuj ĉi unuaj 20 jaroj da socialista laboro efikis la samon, kio estis farita tutajn 100 jarojn.

La soveta laboro kreas efektivajn teknikajn miraklojn, venkante entute nekonvenajn terenojn sablajn, marĉajn kaj montarajn kaj la vastajn spacojn, kiujn ne kapablas percepti nia imago. Tio estas sole ero de konciza rigardo al la sovetaj fervojoj, al tiu eminenta parto de socialista laboro kaj konstruado, kiu prave havas en siaj vicoj honorulojn de plej eminentaj sovetaj ordenoj kaj heroojn de socialista laboro.
(Laŭ Československá železnice, jar. I/6) -eto.

## TRAKOJ SEN DILATSPACOJ

Laboruloj en la teritorio de fervojdirekcio Plzeň(Ĉeĥoslovakio), pretigis nunjare provparton de fervojlinio, kies trako estas tute sen dilatspacoj. Ili veldis la relojn surloke aluminioterme, parte ankaŭ elektre. Por tiu ĉi laboro estis elektita spertaj veldistoj, kiuj pretigis unu liniparton en la teritorio de Plzeň, alian en la teritorio de Ústí nad Labem.

En tiuj ĉi linipartoj la veturo estas nun multe pli senbrua kaj do la vojaĝo pli agrabla. Krome oni nun esploros ĉe trakoj kun ferbetonaj ŝpaloj, specialajn gumoplatojn, kiuj mildigos neelastecon de la veturo.

Uzante velditajn trakpartojn sur ferbetonaj ŝpaloj, oni ŝparos 60% de kutimaj konservo-elspezoj. La ĝisnunaj spertoj montras, ke la tensio (streĉo), kiu estigas en tiom longa trako pro temperatur sangoj tute ne minacas ĝian stabilecon.
(Laŭ Rudé právo, n-ro 355/1954) -eto.

## NOVA ĈEĤOSLOVAKA RAPIDEGTRAJNA LOKOMOTIVO

Dum novembro la uzinoj de I.V.Leniň en Plzen liveris la unuan lokomotivon de nova tipo 498,1 por la ĉeĥoslovakaj ŝtataj fervojoj. Temas pri evoluotipo de la ĝisnuna rapidegtrajna lokomotivo 498,0 kaj gi havas ankau ciujn samajn cefajn demensiojn.
La nova lokomotivo havas mekanikan hejtigilon, duoblan blovtubon kaj cindrujon kun klapfermeblaj fundoj. Oni aplikas ĉe tiu ĉi nova lokomotivo ĉiujn taŭgiĝintajn aranĝojn, konstruitajn lasttempe ĉe aliaj tipoj de lokomotivoj. La kaldrono estas pli laborkapabla ol ĉe la tipo 498,0, ĉar la vaporsurfaco estas pligrandigita je 38%.
Ĉiuj rad-aksoj kaj eĉ la kuplostango havas cilidretaksujojn. La lokomotivo kun la tendro estas solvitaj eleĝante kaj estetike, kaj ĝian belaspekton subtenas la farbagorda kolorigo.
(Laŭ Zelezniĉní technika, n-ro 12/1954) -eto.

## LA SLAJROSISTEMO EN ĈEĤOSLOVAKIO

Leginte ĉi suprajn artikolojn pri la progresoj de la fervojoj en Orienta Eŭropo, mia fervojista koro komencis bati pli rapide.
Por iomete trankviligi ĝin, mi relegis la leteron, kiun sendis al mi iu amiko antaŭ kelka tempo.
Jen la parto, kiu plej interesas fervojistojn:

Jam antaŭ pli longa tempo, kiam vi skribis al mi pri la salajrosistemo en via lando ĉe fervojoj, mi promesis skribi al vi pri tiuj kondiĉoj ĉe ni. Hodiaŭ mi do fine almenau ĝenerale skizos ĝin.

Antaŭ la milito kaj komence de la nuna ŝtato, nia salajrosistemo estis tre simila al la via, sed nun ĝi ŝanĝiĝis funde.
La laboristoj (manlaboristoj) ricevas sian salajron laŭ akordlabora tarifo. Do ili ne havas konstantan enspezon, kiel estis antaŭ kelkaj jaroj. La gvidantaj personoj ricevas salajron ne laŭ la aĝo aŭ daŭro de sia okupo ĉe la fervojo, sed laŭ la funkcio, kiun ili plenumas.
Tiel okazas - kaj nun tio estas ĝenerale kuranta - ke pli aĝa oficisto havas malplialtan salajron ol ali, pli juna, kvankam la ĝeneralaj kondiĉoj estas la samaj ĉe ambaŭ. Por ĉiuj funkcioj estas priskribitaj certaj instruitecoj kaj gradoj de lerneja preparo. Kompreneble dume tio ne estas la ĉefa punkto, kaj ekzistas pli multe da esceptoj ol laŭordeco. Tiu ĉi sistemo do ebligas, ke homo, kiu servas dekojn da jaroj kiel gvidanta oficisto subite estas forigita, ĉar li ne kapablas plenumi komplete siajn devojn, kaj li troviĝas je loko malpli honorigita,

do li spertos malpliigon de siaj enspezoj. Tio cetere ne estus mallaŭdinda, sed tio havas sekvon por la pensio, ĉar li ricevos certan procenton de la baza salajro, kiun li ricevis dum la lastaj kvin aŭ eĉ nur du jaroj. Tio do ne estas tro entuziasmiga, ĉu ne? Do, se mi, same kiel vi nun, iam povis ĉiujare diri: nunjare mi ricevos tiom kaj tiom da pensio, nun tio ne eblas. Tio ĉi estas dirite nur tre ĝenerale, detalojn oni ja ne povas skribi. La impreso tamen estas, ke spite la asertado, ke la socialista reĝimo rigardas ĉiun unue laŭhome, maljunaj homoj ne ricevas rekompencon por sia senlaca tutviva laboro, sed laŭ la lastaj plej malproduktaj jaroj.

## MALMOLIGON DE RELFINOJ

praktikas la usonaj fervojkompanioj. Oni efektivigas ĝin per oksigen-acetilenaj brulflamiloj. Temas pri analogio de konata Vicker-metodo pri malmoligo de ŝtalaĵosurfaco. Koncernaj acetilenproduktigiloj kaj oksigenbomboj estas transportataj sur speciala laborvagoneto.
Per tiu ĉi malmoligado, kiel estis konstatite, estis konsiderinde malebligita la uzodifektado de la relfinoj, kaj estis forigita la konata malmola frapo de radoj ĉe la juntoj, kiuj kaŭzas ne nur deformadon kaj foruzon de la relfinoj mem, sed ankaŭ diversajn difektojn de veturiloj ĉu vagonoj, ĉu lokomotivoj.
(El Československá železnice, jaro II/3) -eto.

## SCIIGINDAJ SUKCESOJ

En Glasgow (Skotlando) fondiĝis la unua fervojista Esperanto-klubo en Britio, kies membroj intencas aliĝi al nia Brita sekcio (BAEF) kaj pro tio automate al IFEF. Prezidanto estas S-ro T.Schott kaj sekretario estas nia kolego P.N.Harvey. Ambaû novajn funkciulojn en nia fakmovado ni tutkore gratulas pro la bela sukceso kaj la novajn membrojn ni kore bonvenigas en nia internacia familio fervojista.

El Zagreb (Jugoslavio) ni ricevis la jenan artikoleton:

## ESPERANTO PROGRESAS EN JUGOSLAVIO

Fine de pasinta jaro estis fondata fervojista esperanta societo en Zagrebo. Tiu ĉi societo estas jam la dua en Jugoslavio. (unu societo estis fondata en Beogrado). Ĝi signifas grandan sukceson por jugoslaviaj esperantistoj. Ĝis plifortiĝo la societo agadas en kadro de Laborista esperanto-societo, sed havante sian propran memstaran komitaton, en kiu estis elektataj la IFEF-anoj: Debič Franjo kiel prezidanto, kaj Šnajdar Drago kiel sekretario.

Jam dum la kunveno aliĝis 25 fervojistoj, kaj tiu ĉi modesta nombro multon signifas por la komenco de nia laboro. La societo havas

ĉian eblon por progreso pro subteno kaj kompreno flanke de la fervojistaj dindikatoj kaj fervojistaj entreprenoj.

Antaŭ la fondiĝo de la societo estis malfermata kurso por komencantoj, kiu bone progresas. Partoprenantoj de la kurso estas plejparte gejunuloj-fervojistoj kaj tio estas bona signo por sukcesplena evoluo de la societo.

Šnajdar Drago
Z a g r e b

En la gazeto de la fervojo Baltimor Kaj Ohio aperis novaĵo pri nia ano Sro John Robinson help ĉefoficisto de tiu fervojo. Li aktive utiligas Esperanton inter fervojistaj tra la tuta mondo. Sro Robinson estas oficiala Esperanto tradukisto por la nomita fervojo.

## POR NIA BULTENO

Inter la 1-a de junio 1953 kaj la 31-a de decembro 1954 mi ricevis la ĉi-sube menciitajn sumojn por nia Bulteno. (en nederlandaj guldenoj).

Landaj Rondoj: Aŭstralio 8.25; Nederlando 12.50; Sarlando 2.67; Svedio 82.80; Svisio 55.27; Quarone Guiseppe, Italio 3.00; Ceroni, Italio 0.75; Fernström, Svedio 1.00; Ohlson, Svedio 5,00; Fritzell, Svedio 1.00; Steidl, Aŭstrio 2.00; Meyer, Nederlando 1.00; Blickman, Nederlando 0.10; J.Lok, Nederlando 1.00; Martens, Nederlando 0.10; E.M.Rosher, Anglio 6.75; W.Stowel, Anglio 2.50; J.M.Robinson, U.S.A. 8.55; Ehbauer, Germanio 4.45; Pfeiffer, Germanio 4.35; A.Himmler, Germanio 8.70; Lautenbach, Germanio 0.25; Diez, Hispanio 0.25; F-ino Ruhanainen, Finlando 0.25; Rabato Libro 1.90; Venditaj Bultenoj 2.14; Tombolo en Italio 223.18. Entute 439.71.

La ĝenerala kasito
W.Biesheuvel.

**NE FORGESU,**

ke en ĉi-supra listo klare reliefas la profita saldo, kiun donis al ni la tombolo en Verona.
Tial ni ankoraŭfoje apelacias al niaj anoj, havigi por la tombolo en Zurich ian plenvaloran objekton, por ke la lotoj estu rapide venditaj. Ju pli granda la profito, des pli bona kaj interesa vi poste trovos...
**VIAN BULTENON**

## LA LANDA ESTRARO EN GERMANIO

Ni ricevis la sciigon, ke formiĝis jene la estraro en Germanio:
Prez. F.Hasse, Manteuffelstr. 1. Hannover.
Kas. O.Denk, Landgrafenring 17, Frankfurt (Main)
Sekr.-Red. J.Giessner, Hauptbahnhof 6, Braunsweig.

Bonvolu konforme korekti la ĵus ricevitan liston de estraroj kaj reprezentantoj. Nepre ne ŝarĝu la ĝeneralan sekretarion per aferoj kiujn povos solvi por vi landa estrarano aŭ reprezentanto.